# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** H. Hodler.†
**Redaktoro :** Robert Kreuz, L.K.

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

## ENHAVO:



**31-a Jaro N° 422 423**

**NOVEMBRO 1935**

# VIENO

## La Katedralo Sta. Stefano

*Rakontante la gloran historion de generacioj kaj generacioj, la turo de Sta. Stefano tra jarcentoj rekte kaj fiere siluetas en la ĉielo.*



# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 1 — Novembro 1935

*Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934).* — Pro teknikaj malfacilaĵoj rezultintaj el malnova aranĝo, parto de jam farita laboro kontrol-celę devis esti refarata. La apero de la suplemento pro tio malfruiĝas. Ĝi tamen eliros definitive ĉirkaŭ fino de novembro. Ni petas ankoraŭfoje pri pacienco. Tute apartaj cirkonstancoj ja dum la tuta jaro ne-favore influis nian laboron. Ankaŭ la ĝenerala ŝarĝo de la C.O. estas devige grandega post la reorganizo de UEA.

La suplemento estos bonorde dissendata al ĉiuj membroj aktivaj de 1935. Ni dankas por informo al ĉiuj samideanoj, kiuj demandos pri ĝi, ne legintaj ĉi tiun komunikon.

*Novaj ĉefdelegitoj.* — La ĝisnuna peranto S-ro Instruisto Fritz Rockmann, Magdeburgo, demetis sian postenon pro personaj kaŭzoj por la fino de la asocia jaro 1935. Same eksiĝis la ĉefdelegito por Norvegujo, S-ro Bankrevizoro Arne Arnessen en Oslo. Ankaŭ S-ro Instruisto E. Malmgren, Stokholmo demetis sian funkcion de ĉefdelegito pro samtempa oficado kiel estrarano.

Ni esprimas tie ĉi plej koran dankon kaj rekonon al la eksiĝantoj pro la fidela servado al nia afero en iliaj ĝisnunaj oficoj.

Estas nomigitaj de la landa asocio, interkonsente kun la prezidanto de UEA, konforme al §30 de la Statutoj de UEA la sekvantaj personoj :

*Ĉefdel. por Germanujo.* — S-ro Fritz Thieme, Oppellstrasse 50, *Dresden-N. 6.* (Poŝtĉeka konto Dresden 8464.)

*Ĉefdel. por Norvegujo.* — S-ro Ragn. Rian, Lagm. Dreyers gt. 13, *Trondheim.*

*Ĉefdel. por Svedujo.* — S-ro Inĝ. Karl Wästfelt, Vikingagat. 14, IV. *Stockholm.*

*Vic-Ĉefdel. por Svedujo.* — S-ro Sven Bolin, Blekingegatan 18, *Stockholm.*

La elektitoj tuj funkcias en siaj postenoj. Ni esperas pri sukcesa kunagado kun ni.

*Teritoria Sekretario por Svedujo.* — Interkonsente kun la Direktoro de UEA estis nomita (§ 34 de la Statuto) :
S-ro B. Skantz,
Fack 698 (Eldona Soc. Esperanto), *Stockholm.*
Li okupiĝas pri ĉiuj teknikaj detaloj. Aliĝoj ktp. estas sendotaj de nun al lia adreso.

*Poŝtĉeka Konto en Germanujo.* — Pro ricevitaj informpetoj ni konigas tie ĉi memorige, ke rektaj pagoj al UEA estas fareblaj el Germanujo pere de nia propra poŝtĉeka konto 90850 Frankfurt a. Main (UEA, Genf).

*Internacia Radio-Komisiono.* — La ĝisnuna prezidanto de la Internacia Radio-Komisiono, komisiita de UEA, S-ro Joh. Jungfer, Lübben (Germanujo) devis eksiĝi pro personaj motivoj. La Estraro de UEA unuanime elektis kiel novan prezidanton de la Komisiono S-ron. Henriksson, en Helsingborg (Svedujo).

*Respondkuponoj de UEA.* — Je la 31 decembro 1935 finas la valideco de la 1-a Serio de « Esperantista Respondkupono », eldonita en 1929, kies valideco estis plilongigita ĝis la nomita tago. — Ni informas per tio, ke ĉiuj respondkuponoj, kun la ruĝa surpreso „31 decembro 1935" (anstataŭ 31 decembro 1929) ankoraŭ cirkulantaj, validas plue por 1 jaro. Ilia valideco do estas plilongigata ĝis la 31 Decembro 1936.

Robert Kreuz, Direktoro.

15 novembro 1935.

---

### Niaj mortintoj

F-ino D. Meeter, Soest (Nederlando). Del. UEA (oktobro 1935).
S-ro A. P. G. Droste, Hillegersberg (Nederlando). (21.10.1935).
S-ro Gustav Holtorg, Burg-i-Dithm. (Germanujo). Del. UEA (6.11.1935).

R.I.P.

### ONI DANKAS !

*** S-ro Julien Fechter el Parizo esprimas sian dankon al S-roj Emil Müller, Ernst Wynistorf, Arnold Schweizer kaj D-ro Jaccard en Zürich, por la servoj faritaj al li dum vojaĝo.

# PRELUDO

Antaŭ ol la stranga artisto venis en la landon, lia famo trakuris urbojn, urbetojn kaj eĉ vilaĝojn. Oni sciis, ke per sia muziko li skuadis la homajn animojn kaj sorĉadis sub la klavoj de la fortepiano senekzemplajn tonojn, senkomparajn akordojn.

Tial do, kiam sur la muroj de la ĉefurbo aperis grandaj afiŝoj, anoncantaj alvenon de la geniulo, en la urbo ekbolis. La kasoj de la koncertejo estis sieĝitaj. La prezoj estis, vere, altaj, tre altaj... neniam antaŭe tiom kostis la enirbileto... sed tio neniun fortimigis. Neniu volis preterlasi la unikan okazon. Kiel lavango, amaso da publiko fluis torente tra ĉiuj pordoj, okupis ĉiujn lokojn, de la unua ĝis la lasta, — kaj atendis.

Sur la estrado aperis homo. Li estis mezkreska, grasa, kun pomaditaj haroj kaj dikaj vangoj, al kiuj gluiĝis ruzeflata rideto. Frotante la manojn, li bonvenigis la estimatan publikon en la sanktejo de l'arto kaj anoncis, ke la granda artisto tuj aperos sur la estrado. La geniulo estas hodiaŭ neordinare inspirita. Li ne ludos ion malnovan, pli aŭ malpli konatan. Li ludos ion, kion oni ĝis nun ne aŭdis, li improvizos ĉefverkon, al kiu egala ne ekzistas. Sed la artisto havas siajn kutimojn... Li neniam ludas en la lumo... Tial la estimata publiko estas petata afable permesi estingi la lampojn...

Murmuro de nekontento trakuris la salonegon. Protestis precipe la sinjorinoj. Kiel do ! Ĝis nun oni neniam vidis la vizaĝon de la artisto, ĉar la strangulo obstine rifuzadis prezenti siajn trajtojn sur la afiŝo aŭ paĝo de ĵurnalo — kaj nun — nun li volas vuali sin per mallumo...

Sed la dika sinjoro ne cedis. Li sciis uzadi argumentojn. Li parolis pri « atmosfero », pri « inspiro » — kaj en la nomo de l'arto oni estingis la lumojn.

En la mallumo enpaŝis la artisto. Oni ne vidis lin, sed oni sentis lian ĉeeston. La potenca fluido trakuris la publikon, kiam senbrue, per neaŭdebla kata paŝo li proksimiĝadis al la instrumento. Oni ne vidis lin, sed oni sentis. Jen li aliras. Jen li eksidas. Jen li metas la manojn sur la klavaron.

Kaj en la streĉa silento, kiam, retenante la spiron, ĉiu aŭdis nur la pulsadon de sia propra sango, aŭdiĝis la unua tono.

Ĝi estis unu sola tono. Kvazaŭ ne ligita al iu takto. Kvazaŭ tute aparta. Kaj tiel subita kaj forta, kvazaŭ la kordo ŝiriĝus kaj ĵetus en la spacon, kiel lastan adiaŭ-krion, tiun strangan, ŝiran sonon.

Sed ĝi ne estis kordoŝiro. Ĉar ripetiĝis la sama tono, ripetiĝis plurfoje, hake, akre.

La publiko miris.

Sed la artisto jam komencis la koncerton. Ie, en la plej malaltaj basoj, naskiĝis gamo obtuza, ŝajne malproksima, ŝajne eĥo de io, kio alproksimiĝas, alvenas...

La publiko aŭskultis senspire, sorĉita per tiuj minoraj tonoj, kiuj atingadis ĝin meze de la mallumo tiom pli minoraj, minacaj...

Gamo sekvis gamon. La pasaĝoj interplektadis sin, kelkafoje obtuze, alifoje tondre, sed ĉiam pli rapide, ĉiam pli furioze, tiel, ke fine ĝi ne estis plu muziko, sed orgio de tonoj, kiuj, longe tenitaj en brido, senbridiĝis, elrompis sin kaj rulas sin tra la spaco, similaj al ĉielaj tondroj, eĥiĝantaj miloble inter montaraj rokoj. Tondroj kaj uraganoj vetbatalis en tiu stranga ludo. Oni kredus, ke ĝi ne estas la voĉo de fortepiano ke la artisto tuŝas la kordojn de la naturo mem, igas ilin plori, vei kaj hurli, igas ilin muĝi, tondri kaj teruri, kaj ĵetas tiun sovaĝan tonaron en la orelojn de la publiko.

Vere, tian koncerton oni neniam aŭdis antaŭe.

La atmosfero en la salonego fariĝis sufoka. Ŝvitgutoj kovris la fruntojn. Tie kaj ie aŭdiĝis nerva ekkrio de virino, sed tuj superbruis ĝin la ĉiam plu furioza ludo.

Fine ĝi trapasis ĉiajn limojn. Ĝi ne sonis plu en la spaco. Ĝi sonis jam en ĉiu homo, tondris sub la kranio, bategis en la koro, ŝaŭmis en la vejnoj, surdigis, premis, sufokis, teruris...

Vere, la artisto estis inspirita...

Fine oni ne povis elteni plu. Malesperaj voĉoj komencis voki pri lumo.

Kaj kiam malrapide, dormeme, kvazaŭ kontraŭvole eklumadis la lampoj, la okuloj de la publiko direktis sin al la estrado, por fine ekvidi la kaŝatan ĝis nun vizaĝon.

Sed ne tuj oni ĝis ekvidis. Ĉar la figuron de la artisto kovris nigra vualo, falanta de la kapo ĝis la piedoj kaj disfluanta sur la planko en ondosimilajn faldojn. Oni vidis nur, ke tiu figuro, klinita super la fortepiano kvazaŭ rabobesto super sia kaptaĵo estas neordinare alta kaj maldika.

Kaj kiam la lastaj eĥoj de la ludo trasonis, rektiĝis tiu stranga figuro kaj per malrapida movo forĵetis la vualon de la vizaĝo.

Kaj tiam ĉiuj koroj ĉesis bati pro teruro. Ĉar tio ne estis homo. Tie, sur la estrado, volvita per nigra vualo, staris rikananta skeleto — la Morto mem — kaj montris al la hommiloj sian ostan vizaĝon.

Ĝi turnis la kapon de unu flanko al la alia — ĵetis rigardon de siaj nigraj okulkavoj al tiuj, kiuj palis en la unuavicaj seĝoj kaj al tiuj, kiuj angore stertoris en la lastaj vicoj de la galerioj, ĝi etendis la blankajn ostojn de la manoj el la nigraj faldoj de sia vualo, kaj ree turnis sin al la fortepiano.

— Gesinjoroj — diris la Morto — mi ludis al vi nur la PRELUDON. Kaj nun ĉu vi volas aŭdi la KONCERTON ?...

Tiu preludo estis ludita en la jaroj 1914-1918... Ĉu ni aŭdos ankoraŭ — la koncerton ?

Lidja Zamenhof.

**Nur forta internacia organizo sekurigas**
**la sukceson de Esperanto en la tuta mondo !**

Luksemburg-Urbo



Idilia rigardo de la Bock-roko al la ĉefurbo

## Ekskurso al la Grandduk-lando Luksemburgo

Ne ekzistas verŝajne lando pli facile atingebla, ol la grandduk-lando Luksemburgo. Lokita centre de Eŭropo, ĝi estas alirebla en kelkaj horoj, de Amsterdamo, Parizo, Kolonjo aŭ Bruselo kaj tiel facile, ke la turisto apenaŭ rimarkas la tiean ekziston de limo. Nenia teda formalaĵo, nenia dogan-esploro ofenda; la ĝentileco kaj afabla simpleco de la Luksemburga doganisto fariĝis legendaj.

Ĉie en ĉi-tiu landeto, la turisto, de kie ajn li alvenu, estas bone akceptata. Pro tio — se ĝusta estas la nacia signifo, ke turismo estas la arto bonakcepti — oni povas taksi Luksemburgon kiel la idealan landon por turismo.

Plie, pro sia geografia situacio, sia malvasta teritorio, sia montara tereno, la mirinda varieco de siaj pejzaĝoj, pro siaj multenombraj kaj belegaj historiaj monumentoj, siaj vojoj admirinde konstruitaj kaj konservitaj, siaj trafikrimedoj oportunaj kaj ne multe-kostaj, fine precipe pro siaj komfortaj hoteloj kaj restoracioj, famaj, malmultekostaj, Luksemburgo estas unuaranga libertempejo.

Norde, la sovaĝaj Ardenoj kun senlima, belega horizonto, kun valoj severaj kaj krute enprofundiĝintaj, kie fluas la riveroj Sûre kaj Our, Wiltz, Clervaux kaj iliaj kasteloj, grandiozaj, romantikaj pejzaĝoj inter Vianden kaj Esch sur la Sûre, Burscheid, Brandenburg, Echternach kun siaj serpentumaj stratetoj, sia fama danc-procesio de la 10-a jarcento kaj siaj ĉirkaŭaĵoj — eble la plej belaj en la lando : Berdorf, Beaufort, Consdorf, Müllertal, Larochette, ĉarma loko en alloga kadro. De Diekirch, turisma centro, oni tuj atingas Ettelbrück, la pordon de la luksemburgaj Ardenoj. De tie oni aliras Mersch-on — kvieta urbeto — kaj la ravan valon de la Alzette kun ĝiaj rozo-kampoj kaj koketaj, floroplenaj vilaĝoj. Oni direktiĝas poste al la mirindaj valoj de la Sep Kasteloj, kondukantaj al Schönfels, Marienthal, Ansenburg, Septfontaines, Steinfort kaj al Clairfontaine, apud la belga limo. Sekvante la riveron Alzette ĝis sude, oni atingas la landan ĉefurbon, Luksemburgo. Ĝi estas, kiel skribas Marcel Noppeney, la plej kurioza, stranga kaj paradoksa ekzistanta urbo, farita el rokoj kaj verdaĵo... sed, de malproksime, tute el muroj, turoj kaj sonorilejoj... »

Je kelkaj kilometroj de tie, trapasante Mondorf, unuaranga varmfonta loko, oni alvenas al la vinberejoj. La vidon kaptas tiam larĝega horizonto kaj, dum en la val-fundo serpentas la Moselo, oni ekvidas en la gaja valo kaj preter la vinber-montetoj, tutan aron da vilaĝoj kaj urbetoj, de Schengen, Remich, Ehnen, Wormeldingen kaj Grevenmacher, ĝis Wasserbillig.

Vizito al la fer-regiono, al la minejoj de Esch, Differdingen, Dudelingen kaj Rumelingen, kun iliaj bruaj metalurgi-uzinoj, iliaj altfornoj kaj laminejoj, ĉirkaŭitaj de gigantaj skori-montoj, finas nian rapidan ekskurson tra tiu-ĉi ĉarmega landeto.

M. V.

## La Meteor-Faloj

La riĉa stel-falado de 9 oktobro 1933 venis tute surprize por astronomoj, kiuj ĝin atendis dum noktoj de 11-13 novembro. Tiu lasta falstelaro portas la nomon de Leonidoj, pro la konstelacio de Leono, kiu ŝajnas esti radia fonto de la falsteloj. Leonidoj falas ĉiujare, pli-malpli abunde, sed riĉaj falegoj okazas malofte. La astronomia historio notis jenajn rimarkindajn meteor-pluvegojn : 1766, 1799, 1833, 1866. En 1899 kiam oni estis certa havi la periodan kreskon de Leonidoj, la esperoj de astronomoj trompiĝis. Kaj en 1933 oni ree atendis la falegon, en novembro, kiam subite ekfalis falsteloj en la nokto de 9 oktobro. Ŝajnas, ke tio estis eroj de la kometo Giacobini, kiu ĉi-jare renkontis la ter-orbiton. La fal-steloj (meteoritoj) estas pecoj da fero aŭ ŝtono, miksita kun nikelo, kalcio, fosforo, karbono, k. a. kiuj venas

el interplaneda spaco al renkonto kun ter-atmosfero. Plejofte ili ekfajras je la alto de 120 kaj forbrulas je la alto de 80 kilometroj ; postrestas nur nigra polvo, kiu malrapide alteriĝas, kaj gasoj kiuj nerimarkeble ensorbiĝas en la atmosfero. Ĉar ni vidas ilin je tiu granda distanco, tio jam mem pruvas, ke ilia interna lumforto estas pli granda ol tiu de plej grandaj lum-turoj. Verŝajne ilia reala grandeco atingas plurajn metrojn de diametro. Escepte grandaj ĉiel-ŝtonoj atingas la ter-surfacon unupece, aŭ en pluraj eksplodintaj eroj, kiuj enteriĝas, aŭ pliofte enmariĝas. Tre malofte ili trafas domon, kiun ili detruas aŭ bruligas. En Arizona dezerto, en Grenlando, en Siberio, k.a. estis trovitaj pecegoj, montetoj aŭ rokoj da meteor-ŝtono kaj ĉiel-fero, kies kosma deveno estas ĉiam pruvebla per kemio. Rimarkinde estas, ke prapopoloj jam delonge sciis pri tiuj ĉielaj falaĵoj, longe antaŭ ol sciencul-oj tion akceptis. En pluraj lingvoj la vortoj « fero » kaj « stelo » estas samaj. Ekz., « sideros » kaj « sideris », « gvezda » kaj « gvozde ». En Kaaba, la islama sanktejo, estas adorata la nigra ĉiel-ŝtono, metita tie mil jarojn antaŭ ol eŭropaj skolastoj komencis diskuti la ĉielŝtonojn, obstine neante ilian realecon. Nur en 1800-1809 la akademioj konvinkiĝis, ke fakte falas el la ĉielo materiaj pecoj. En unu el multaj mikroskope esploritaj meteoritoj oni trovis... diamantojn, sed tiom etajn, ke ilia komerca valoro estas nula. Tiurilate la ĉielo estas same avara, kiel la maro, kiu entenas oron, sed en sensignifa proporcio. Ĉar la maroj kaj oceanoj kovras $^3/_4$ de la terglobo, la tri-kvaronoj da fal-steloj perdiĝas en la ondoj. Same nerimarkite falas la meteoritoj en dezertojn, arbaregojn, lagojn, kampojn. Entute nur eta parto da ili estas rimarkata. Astronomoj elkalkulis, ke ĉiujare pluraj miliardoj da meteoritoj renkontas la teron, kies maso tiel kreskas. Same kreskas la maso de Suno, kaj sekve kreskas la reciproka altirado gravitacia. Malrapidege, sed konstante, do la tero proksimiĝas al la Suno, rondflugante laŭ spiralo, kies diametregoj malgrandiĝas nerimarkeble por jarcentaj observoj, sed senteble por la kosma horloĝo, kiu batas milionjarojn kiel sekundojn. Se la poezia spektaklo de fal-steloj akompanas naskon de novaj generacioj, novaj printempoj kaj novaj floraroj, ĝi samtempe anoncas malrapidan ter-marŝadon al la fina kataklismo : falo de la tero sur la Sunon. Ĝi estos eble grandioza fajroverko, por estontaj homaroj de Jupitero kaj Saturno, sed por nia globo ĝi estos lasta kaj fina fiaskego, malapero por ĉiam. Fiaskego por la tera gloro, ne por la kosma ekonomio, en kiu nenio perdiĝas, nur ŝanĝas la formon. Jen estingiĝas kaj diseriĝas globoj, jen naskiĝas aliaj mondoj.

Senkulpa infano, purokula virgulino, kiuj admiras rapidan falsteleton, ligante al ĝi siajn revojn kaj esperojn, estas eble ne malpli profundaj ol maljuna filozofo, kiu meditas pri la monda kataklismo, okaze de iu meteorito, kiu trabrilis kaj lasis post si duminutan fosforecan strekon, silente disvaporiĝantan en la velur-nigra ĉielvolbo. — P. S.

---

# Aktualaĵoj pri Esperanto

## La 15a Internacia Kongreso pri Industria Kemio en Bruselo akceptas rezolucion favore al Esperanto

Post kiam la elektroteknikistoj tre favore konsideras Esperanton, nun ankaŭ la rondoj de industria kemio serioze okupiĝas pri la internacia helplingvo. Nia fervora samideano, S-ro Inĝeniero-Kemiisto Ray Dru, delegito de UEA en Enghien (S.&.O., Francujo), faris tre sukcesplenan paroladon en tiu ĉi kongreso pri la temo « Normigo de teknika lingvo ». Kiel sekvon de ĝi la kongreso unuanime akceptis la jenan rezolucion :

« En sia kunsido de mardo, la 24-a de septembro 1935, la 19-a Sekcio de la 15-a Internacia Kongreso, pri Industria Kemio. kunigita sub la prezidanteco de S-ro H. Lancelez, post aŭdado de la komunikaĵo de S-ro inĝeniero Ray Dru pri « la normigo de teknika lingvo », —

Konsiderante la senlimajn servojn, kiujn oni povas profiti per uzado de helpa normigita lingvo, en internaciaj interrilatoj, kaj speciale en kemiaj sciencoj, kie dokumentado kaj informado rapida kaj fidela ludas plej gravegan rolon ;

Konsiderante la tuton de la rezultatoj jam akiritaj per la eksperimento de Esperanto, kies fakto estas tuta unika en sia vasteco kaj sur la vojo de normigo de lingvo ;

Konsiderante, fine, la verkojn kaj la rezultatojn havigitajn tiucele de la International Standardizing Association (Stokholma Konferenco, sept. 1934) kaj de la Elektroteknika Internacia Komisiono (Brusela Kongreso, junio 1935) ;

Sin deklaras favora al starigo de konstanta komisiono, nome « Komisiono de Helpa Internacia Normigita Lingvo » destinita por studadi :

1. etendigon al kemiaj sciencoj de la uzado de Esperanto, kiel fundamenton de normigita lingvo ;

2. aplikadon de la helpa normigita lingvo al teknikaj celoj (fiziko kaj kemio), kaj ĝian praktikan aplikadon en ĉiuj fakoj de la dokumentado. »

S-ro Ray Dru meritas nian koregan gratulon pro la atingita sukceso. Samtempe ni tre rekomendas al samfakistoj plue helpi al tiu ĉi iniciato. UEA disponigas ankaŭ por tiu ĉi afero sian plenan helpon.

Ĝia seriozeco postulas koncentrigon de la klopodoj. Kunlaboremuloj kaj kompetentuloj sin turnu tuj al la Centra Oficejo de UEA aŭ rekte al S-ro Ray Dru, Inĝeniero-Kemiisto, 47, rue Félix-Faure, Enghien (S. & O.) Francujo.

## La Internacia Unio de Radiofonio kaj Esperanto

En Julio 1935 la Internacia Unio de Radiofonio en Ĝenevo festis sian 10-jaran ekziston. En la 1a kajero de sia ĵus fondita kvaronjara publikigaĵo « Radio-diffusion » Maurice Rambert, prezidanto de la Internacia Unio de Radiofonio kaj afer-gvidanto de la Svisa Societo de Radio-disaŭdigo parolas detale pri la naskiĝo de la Unio, origine ŝuldita al iniciato de D-ro Edm. Privat. Ĝi estis sekvo de la Prepara Konferenco por internacia interkonsento en la Radiotelefonio, kunvokita per helpo de la esperantistoj al Ĝenevo je Pasko 1924. Tiu ĉi konferenco plej-parte gvidita en Esperanto, trovis siatempe grandan atenton kaj, kiel montras la mencio, estis fruktodona. La Unio hodiaŭ kunigas ĉiujn radiosend-instituciojn de l'mondo kaj estas potenca organizo. Kvankam en ĝi Esperanto povas ludi nur akcesoran rolon, estas dirote, ke ĝiaj favoraj decidoj por Esperanto en la

pionira tempo de radio en Eŭropo antaŭ 10 jaroj havis veran gravecon, por la organizo de nia laboro, en tiu ĉi kampo.

La regula aperigo de la « Internacia Radio-Programo », publikigata de la « Internacia Radio-Komisiono », komisiita de UEA, baziĝas sur decido de la nomita Unio okaze de ĝia konferenco en Lozano 1928.

### La Franca Metiista Asocio por Esperanto

La Konstanta Sekretario de SfpE informis nin pri gratulinda sukceso en Francujo. La Franca Metiista Asocio (Sidejo : Romans, Drôme) en sia lasta ĝenerala kunsido adoptis deziresprimon pri enkonduko de Esperanto en la metiistajn lernejojn.

Ni tre rekomendas al niaj legantoj atenton al la aparta alvoko pri tiu ĉi iniciato en tiu ĉi numero.

### Poŝtmarko kun teksto en Portugala lingvo kaj Esperanto en Brazilo




Kun granda plezuro ni anoncas novan sukceson, atingitan ĉe la brazila poŝto.

Laŭ ordono de D-ro Marques dos Reis, ministro de l'Publikaj Laboroj, kaj iniciato de lia ĝenerala sekretario, D-ro Joaquim Licinio de Almeida, la Brazila Departemento de Poŝto kaj Telegrafo ĵus eldonis belegan memorigan poŝtmarkon okaze de la Oka Internacia Specimena Foiro de Rio-de-Janeiro. Ĝi enhavas vortojn en portugala lingvo kaj Esperanto kaj valoras 200 rejsojn.

Ankaŭ S-ro Raul Azevedo, regiona direktoro de la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo, ĉe la Federacia Distrikto, ĵus farigis kartonan ujon kun leterpaperoj, kovertoj, liniita papero kaj inksorbilo por la aerpoŝta korespondado.

Notinde estas ke sur ĝiaj kovriloj estas skribitaj frazoj de propagando de la ĉefaj brazilaj produktoj en kelkaj naci-lingvoj kaj en Esperanto.

Ni devas esprimi tie ĉi sinceran gratulon al niaj fervoraj amikoj en la Brazila Ligo Esperantista, kiuj iniciatis tiun ĉi praktikan aplikadon de Esperanto. Kiu sendos al Brazila Ligo Esperantista — Av. Marechal Floriano, 212. Rio-de-Janeiro. Brazilo — du respond-kuponojn (en Brazilo — 1$000), ricevos en fermita letero du neuzitajn ekzemplerojn de la supre menciita poŝtmarkoj.

---

## 11-a Internacia Olimpiado, Berlino 1936

En Berlino fondiĝis komitato por servi al ĉiuj Esperantistoj, kiuj intencas partopreni la Olimpiadon en Berlino 1936.

Ĉiu interesito turnu sin al la estro de la komitato Walter Dempwolff Essenerstr. 13 Berlin NW 21, kiu estas nomigita de la Germana Esperanto-Asocio por plenumi ĉiujn aferojn, kiuj koncernas la Olimpiadon. Ju pli da eksterlandaj esperantistoj skribas al S-ro Dempwolff, des pli bona estas la propagando por Esperanto en registaraj rondoj en Germanujo.

## La Internacia Radio-Komisiono komisiita de UEA



La nova prezidanto de la Internacia Radio-Komisiono, S-ro Gustav Henriksson, Helsingborg Svedujo

Nur al malgranda nombro da personoj estas konata la detal-laboro en la radio-kampo. Ja aperas novaĵoj de tempo al tempo, ankaŭ aperas raportaro pri tio en la oficialaj raportoj al la Universala Kongreso de Esperanto. Ĝenerale oni nun atentas pri la pretaj esperanto-radio-programoj publikigataj en multaj esp. gazetoj kaj radio-organoj. UEA donas sian tutan atenton kaj helpon al la Internacia Radio-Komisiono kaj certigas ĝian laboron per regula ĉiujara subvencio. De post 1928 la gvidado de la Komisiono estis konfidita al sinjoro Johannes Jungfer en Lübben (Germanujo). Li organizis ĉion en modela maniero. Kreante la « Internacian Radio-Servon » li certigis al ni la kunlaboron de multaj esperantistoj speciale aktivaj en radio, same tiun de samcelaj organizajoj esperantistaj en diversaj landoj. S-ro Jungfer pro specialaj kaŭzoj estis devigita demeti sian oficon antaŭ ne longe. Pro tio ni hodiaŭ deziras esprimi al li, publike, la sinceran dankon kaj rekonon de UEA pro la valorega servado, kiun li faris al nia komuna celo dum 7 jaroj.

La Estraro de UEA elektis kiel novan prezidanton de la komisiono S-ron Gustav Henriksson en Helsingborg (Svedujo), kiu estas fervora radio-propagandisto jam konata trans la limoj de sia hejmlando. Ni havas la plezuron prezenti lin en bildo al nia legantaro. Ĝi montras lin antaŭ la mikrofono de la esperantofavora radio-stacio de Helsingborg.

Al lia plua laboro ni deziras per tio plej grandan sukceson.

**Ĉi-tiu numero iras ne nur al la regulaj ricevantoj de „ Esperanto “, sed estas propagandacele sendata al ĉiuj membroj (MJ) de UEA kun la kora invito fariĝi regula leganto de nia organo.**

# Universala Esperanto-Asocio

## UEA en 1935

La 1 novembro la Universala Esperanto-Asocio komencis sian 28-an administran jaron. Estas ĝenerala kutimo ĉe komenco de nova periodo rerigardi al la malnova por konstati la rezulton de sia agado. Por nia asocio eĉ ekzistas rekta devo. Jam la « Interkonsento de Kolonjo », subskribita dum la 25a Universala Kongreso de Esperanto donis novan konstitucion al UEA. Grava progreso estis tiu ĉi paŝo al la unuecigo de la movado, en kiu UEA fine ricevis la rolon de internacia centra organizo de la Esperanto-movado. Dum pli ol 10 jaroj la plej bonaj esperantistoj laboregis por tiu ĉi celo. Tre malfacila estis la klopodo. Ni ne parolas tie ĉi pri la div. fazoj de la evoluo. Ni nur registras la fakton, ke la bazo estis starigita je sufiĉe malfavora momento. Ne estas mirige, ke la unuaj paŝoj de la realigo en praktiko kaŭzis aron da malfacilaĵoj ne-antaŭviditaj, nek antaŭvideblaj. Tiel la okazintaĵoj de Stokholmo fine kondukis al plena klariĝo de la situacio.

### La nova UEA

La esprimo ne devenas de ni. Uzis kaj ankoraŭ uzas ĝin tiuj, kiuj preskaŭ malhelpis la necesan progreson de nia organizo en momento tre danĝera. La novaj gvidantoj staris antaŭ realeco, kiu ne lasis alternativon. Ili devis agi por savi la vivon de la asocio kaj ili faris tion sukcese. Neniaj konsideroj pure personaj, nek konkludoj tute senbazaj aŭ eraraj, nek sentimentaleco, aparte komprenebla, povos ŝanĝi la faktojn. Pri ili estis skribite sufiĉe en la kolonoj de nia revuo, same en la oficiala raporto al la Dudeksepa en Romo.

### Reformoj

La stato trovita necesigis reformojn ĉiuspecajn. La plej gravaj estis la internaj, kiuj alcelas atingi iom post iom sisteman, laŭ-plenan agadon komunan per eluzo de ĉiuj fortoj kunigeblaj. Ili baziĝas unue sur la unueco de ĉio, ligita kun absoluta disciplino kaj solidareco de ĉiuj eroj. Ni povas diri, ke tiurilate senteblaj progresoj estas faritaj. Sed ni estas nur je la komenco de la klopodo. Ekstreme grava estas la kunigo de ĉiuj fortoj, kiuj siaparte devas absolute adaptiĝi al la situacio, subordiĝi laŭnecese por la pli alta celo. Sen solidareco nenia demokratio. Demokratio signifas, ke la malplimulto submetiĝu al la plimulto. Preparoj estis faritaj por reformo de nia ekstera laboro. Ĝi estas ebla kaj fruktodona nur, se ĉiuj faktoroj praktikaj estas eluzataj. Nuntempe la fortoj en la movado ankoraŭ ĉiam estas tro dise uzataj, sed iom post iom — kaj spite al ĉiuj malfacilaĵoj de la epoko — nia asocio antaŭeniras. Ni tamen bezonas por ĉio la necesajn rimedojn kaj tempon. Nenia troa fervoreco povas pli rapidigi nin. Ni devas agi, senhalte, kontinue regule, sisteme kaj prudente. UEA estas sur la ĝusta vojo, kiel montras la labor-rezulto de 1935. Se iuj estas malkontentaj, tio nur pruvas, ke ili ne konas la faktojn. Aŭ ke ili tro-taksas nian forton nunan. Por atingi pli, ni devas havi pli grandan forton. Ni devas laboregi por tio. Feliĉe nia asocio jam povas apogi sin sur kelkajn internajn fortojn, kiuj estas la ĝenerala kondiĉo por sukcesa daŭrigo. Tamen la cetera parto de la movado ankoraŭ estas regata de diletantismo danĝera aŭ de amatoreco ne tre rezistokapabla. Kiam en nia organizo la praktika laboro, superos la amatoran, nia konstanta progreso estos certigita. Tiu ĉi realeco neniel vundigas la internan ideon de Esperanto. Tute kontraŭe, ĝi nur profundigas la sentojn, kiuj kunligas milojn da homoj en idealo. Ĝi inspiras la plej praktikajn homojn en niaj vicoj sinofere laboradi por celo nepre atinginda.

### La Centra Oficejo

Multaj konsideras la Centran Oficejon kiel nuran administran institucion. Ili image vidas skribmaŝinon, kelkajn helpantojn, plie sliparojn, registrojn k.a., la oficistoj laboras, ĉar ili estas pagataj, kompreneble oni ankaŭ korespondas kaj klasigas leterojn. Nur tre limigita nombro da personoj komprenas kaj scias, ke la Centra Oficejo estas sufiĉe ampleksa, bone instalita kaj teknike ekipita laborejo, kian necese devas havi organizo tiel granda kiel la nia ; en kiu oni laboras sisteme, regule kaj senhalte pri ĉiuj teknikaj detaloj de la organizo. La reorganizo altrudis aron da plibonigoj, simpligoj kaj antaŭ ĉio pli racian aranĝon de la laboro. Ni ne povas citi detalojn tie ĉi. Ni povas nur diri, ke devis okazi fundamentaj ŝanĝoj, bone pripensitaj, temporabaj, sed esperigaj. Post unujara funkciado jam montriĝas la progreso. La C.O. tamen havas ankoraŭ aliajn taskojn. La plej grava estas la ekstera propagando. La transira periodo ne permesis fari ĉion, kion oni volis. La nuntempo cetere ne favoras grandajn entreprenojn. Sed en multaj okazoj la C.O. intervenis sukcese. Pri detaloj estis raportitaj en tiuj ĉi kolonoj. Ni konstante klopodas liberigi forton por la praktika laboro. La nuna direkcio devis akcepti ŝarĝon, kiu ne estas portebla sen malfacilaĵoj. Krom la ekstera laboro ĝi devas okupi sin pri la administra parto, plie pri la interna marŝo de la organizo kaj fine ankoraŭ pri la vivnecesa organo oficiala. Antaŭe 3 personoj estis plene okupitaj pri tio. Kolosa laboro estis farita kaj certigita de la C.O. Por sekurigi ĝin ni tamen bezonas plian subtenon. Kreskanta helpantaro igos ĝin pli labor-kapabla, kaj tiu ĉi stato devas esti atingata laŭgrade.

### Jarlibro 1935

Kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn presprovaĵo post presprovaĵo estas legata por la finpretigo de la Jarlibro 1935. La cirkonstancoj devigis nin al aperigo de nura suplemento al la eldono de 1934. Komence de la jaro unue financaj konsideroj kaŭzis prokraston de la elveno. Poste teknikaj malfacilaĵoj eksterordinaraj devis esti superataj. Devis okazi kompleta reorganizo de la laboro por prezenti efektive taŭgan eldonaĵon. La preparoj samtempe utilas por la estontaj eldonoj. Kun malfruo, tre bedaŭrinda, la membroj ricevas la nomitan suplementon. Sed ili ricevas ĝin bonorde en periodo en kiu, laŭ juĝo de la antaŭaj gvidantoj de la asocio, UEA jam ne plu estas vivkapabla. Preparoj estas faritaj por certigi fruan elvenon de kompleta jarlibro en 1936. Dependos nur de la samideanaro, ĉu tiu ĉi intenco estas realigebla aŭ ne.

### Financoj

Jam estas konata la terure malfavora stato de niaj financoj, kiam la novaj gvidantoj ekkaptis la direktilon de nia ŝipo pereonta. Ni trapasis tre malfacilan jaron, eble la plej malfacilan de la asocio de post ĝia fondo. La severe daŭranta mondkrizo, politikaj okazintaĵoj eksterordinaraj kaj fido-krizo interne de la movado ekskuis la fundamenton de UEA. La enspezoj senteble reiris (en 1934 rdcf. sv. frk. 53.000.—, en 1935 nur rdcf. sv. frk. 41.000) kaj la ŝparoj atingis la limon ne-transpaseblan. La krizo instigis al formigro de aktivaj membroj al la klaso de simplaj membroj kiel montras la jena komparo :

Je la fino de la administra jaro, la 31 oktobro 1935 :

| | HM | MJ | MA | MS | MH | DM | Sumo | SM |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1934 | 60 | 2627 | 3412 | 381 | 48 | 195 | 6723 | 9862 |
| 1935 | 16 | 1798 | 2326 | 224 | 48 | 196 | 4608 | 11859 |

HM = Helpmembro ; MJ = Membro kun Jarlibro ;
MA = Membro-Abonanto ; MS = Membro-Subtenanto ;
DM = Dumviva ; MH = Membro-Honora ; SM = Simpla Membro.

Nur unu rimedo efika ekzistas en tia evoluo rilate la financojn : ŝparema mastrumado. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, spite al dormorabaj zorgoj, ni povis fermi niajn kontojn favore :

**U.E.A. finis la jarkalkulon 1935 sendeficite.**

Por la unua fojo en la financa historio de la asocio tia konstato povas esti farata. Ĉu estas necesa pli bona pruvo por montri, ke UEA nun estas sur la ĝusta vojo ?

### Projektoj kaj problemoj

El niaj linioj rezultas, ke ni klopodis ekvilibri nian laborvolon kun la laborpovo. Nia horizonto estas multe pli vasta, sed ne estas dubo por ni, ke la realigo de pliaj ideoj dependas nur de laŭgrada pligrandigo de niaj kapablecoj. Komitato, estraro kaj direkcio de UEA estas konstante okupitaj pri tiaj projektoj kaj problemoj. Kelkaj el ili tuŝas la vivon de la asocio ; sed mankas ankoraŭ la konsolidiĝo de la detaloj, la matureco.

Realaĵoj estas solveblaj nur per realaj faktoroj. Iuj esperantistoj timas la « tro komercan spiriton » kaj ili eraras per nura miskompreno pri praktika kaj ne-praktika agado. Aliaj kulpigas nian asocion pri ne-ago por difinita ideo, malkonante la detalojn pri kiuj ne ĉiam povas esti informata ĉiu membro. Bedaŭrindan opozicion, multparte pro personaj kaj principaj konsideroj, montras grupo da samideanoj, kiuj ankoraŭ ne plene konceptis la ideon de vera unueco. Ni povas nur esperi, ke faktoj iom post iom helpos al ilia kunigo en nia unueca fronto. En la gazetara demando, eĉ per minacoj, oni intencas altrudi al la nunaj gvidantoj de UEA respondecon, kiun ili ne povas preni sur sin nuntempe. Pri la interligo de unu aŭ alia institucioj kun UEA la proponantoj plene pretervidas, ke temas pri entreprenoj tute privataj, pri kiuj la movado havas nek kontrolon, nek plenan orienteblecon pri la vera stato. *Unue la vivo de UEA mem devas esti sekurigita* antaŭ ol pli grandaj projektoj estas realigeblaj. Por tio ni bezonas kaj postulas absolutan fidon al la nunaj gvidantoj de UEA. Kaj tiun ĉi fidon vi plej efike pruvas per daŭra subteno al nia senĉesa laborado kaj plenumante nian alvokon :

**Fariĝu aktiva membro de UEA por 1936 !**

Vi helpos ankoraŭ pli efike, se vi samtempe varbas aliajn esperantistojn kiel aktivajn membrojn de UEA.

Robert KREUZ.



# ALIĜU KIEL AKTIVA MEMBRO AL U.E.A. POR 1936 !

# LISTO DE PREMIOJ POR MEMBRO-SUBTENANTOJ 1936

**Ĉiu MS rajtas elekti unu el la sekvantaj premioj, mendotaj laŭ la koncerna numero.**

1 *Bibliografio de Internacia Lingvo.* Kompilita de *P. Stojan L.K.* 560 grand-formataj paĝoj. Por Subtenantoj de UEA speciale bindita. — *E. Drezen: Analiza Historio de Esperanto-Movado.* 14,5 × 22 cm. 96 paĝoj.

2 *Kataluna Antologio,* kompilita kaj plejparte tradukita de *J. Grau Casas L.K.* Rekompencita de la Esp. Akademio. Dua eldono. Luksa papero. 22 × 16 cm. 400 paĝoj. — *E. Madách: Tragedio de l'Homo.* Ĉefverko de la hungara literaturo. 237 paĝoj. Traduko de K. de Kalocsay.

3 *Belga Antologio, franca parto.* Kompilita de *M. Jaumotte,* 283 paĝoj. — *Madách:* Tragedio de l'Homo. — *Goldoni: Kurioza okazaĵo.* Ludita en la Teatra Vespero de la Dudeksepa en Romo. 61 paĝoj.

4 *Hungara Antologio,* belega libro kaj verko. 452 paĝoj. — *K. de Kalocsay: Rimportretoj (Galerio de Esperantaj Steloj).* Originalaj versoj. — *A. Petöfi: Johano, la Brava,* 84 paĝoj. Traduko de K. de Kalocsay.

5 *Belga Antologio, flandra parto.* — *Margaret Catty: Alegorioj de la Naturo.* 66 paĝoj. Traduko el la angla de G. Gordon. — *Madách: Tragedio de l'Homo.* — *W. Bonsels: Ŝolandro.* 47 paĝoj. Traduko el la germana de E. Sós.

6 *C. Rousseau: Poliglota-Vade-Mecum de Internacia Farmacio.* 288 paĝoj. — *O. Ginz: Radio-Vortaro kvinlingva.* 217 paĝoj. Kreuz & Mazzolini: Komerca *Vortaro en Esperanto.* 94 paĝoj. — *J. Plehn: Sägen-Wörterbuch.* 32 paĝoj. — *D-ro St. Kamaryt: Filozofia Vortaro.* 170 paĝoj.

7 *Yoshi H. Ishiguro: Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto.* Forta bindo. Unika objekto por Esp. libro-amanto kaj por ekspozicioj. Multaj ilustrajoj kaj Esp. teksto. 310 paĝoj. — *Lernolibro en anama lingvo.* — *Fundamento de Esperanto, jud-hispana.* — *Fundamento de Esperanto, armena.*

8 *Raymond Schwartz: Anni kaj Montmartre* (126 paĝoj). *Prozo ridetanta* (172 paĝoj). — *Julio Baghy: Viktimoj* (238 paĝoj). *La Vagabondo kantas* (60 paĝoj).

9 *Zamenhof-premio,* konsistanta el klasikaj verkoj de l'kreinto de Esperanto : 1) *Fundamenta Krestomatio* (460 paĝoj) ; 2) *Lingvaj Respondoj* (92 paĝoj) ; 3) *Proverbaro Esperanta* (82 paĝoj) ; 4) *Internacia Fundamento de Esperanto* (48 paĝoj). — *Dro A. Stamatiadis: Nova Gramatika Libro de la helpa lingvo Esperanto.* 185 paĝoj.

10 *Bulgara Antologio.* Kompilita de *I. H. Krestanov.* 243 paĝoj. — *K. Smogorzewski: Pol-Pomeranio.* 126 paĝoj. Traduko de S. Grenkamp L.K. — *S. Grenkamp L.K.: Pola Folkloro kaj popolkantoj.* 60 paĝoj. — *K. de Kalocsay: Rimportretoj.*

11 *D-ro A. Stamatiadis: Nova Gramatika Libro de la helpa lingvo Esperanto.* — *D-ro Ferrière: Estonta Eduko.* 72 paĝoj. Traduko de H. Danneil. — *Krysta Ludw: Pri la prononcado de Esperanto.* 30 paĝoj. — *Hillar Sakaria M.E.I.E.: Enkonduko en la pedagogion. (Historia skizo).* — *E. Drezen: Analiza historio de Esperanto-Movado.* 92 paĝoj. Walter : Gaja lernolibro de Esperanto (107 paĝoj), Gajaj Vesperoj (80 pĝ).

12 *H. Heine: Atta Troll.* 95 paĝoj. Traduko de Zanoni. — *Lessing: Natan la Saĝulo.* 208 paĝoj. Traduko de Karl Minor L.K. — *W. Bonsels: Ŝolandro.* — *Prosper Mérimée: Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj.* 62 paĝoj. Traduko de J. Borel. — *Goldoni: Kurioza okazaĵo.* — *Marg. Catty: Alegorioj de la Naturo.* — *S. Grenkamp L.K.: Ĉu vi aŭdis tion ?* 46 paĝoj. Humorajoj. — *Haleluja.* Kvinvoĉa ĥoro el la « Mesio » de Händel. Notoj kaj Esp. teksto.

13 *Julio Baghy: Viktimoj.* 238 paĝoj. *La Vagabondo kantas.* 60 paĝoj. *Verdaj Donkiĥotoj.* 221 paĝoj. — *Bensona Universala Esperanto-Metodo.* Moderna instru-verko kun multaj bildoj. 559 paĝoj.

14 *Dante Alighieri: Infero* (Unua parto de la Dia Komedio). Broŝurita eldono. 320 paĝoj kun 14 majstraj ilustrajoj de Deziderio Fay. Majstra traduko de K. de Kalocsay. — *Heine: Atta Troll.* — *Lessing: Natan la Saĝulo.*

15 *Sten Bergman: Tra sovaĝa Kamĉatko.* 276 paĝoj. Interesa priskribo de esplorvojaĝo al Kamĉatko. Riĉe ilustrita. Traduko de Birger Gerdman. — *De kongreso al kongreso.* Jubilea libro eldonita okaze de la 25-a Univ. Kongreso en Kolonjo. — *Selma Lagerlöf: La mono de sinjoro Arne.* 110 paĝoj. Traduko de Stellan Engholm. — *K. Smogorzewski: Pol-Pomeranio.*

16 *S. Grenkamp L.K.: Ĉu vi aŭdis tion ?* — *Paul Nyssens: Bonhumoro.* 174 paĝoj. Traduko el la franca originalo de la aŭtoro mem. — *P. Firu kaj S. Pragano: Rumana Bonhumoro en elektitaj rakontoj.* 62 paĝoj. — *Dreves Uitterdijk: La miraklaj aventuroj de Sinjoro Longkrurulo.* 75 paĝoj. — *Madách: Tragedio de l'Homo.*

**Ĉu tu estas la antaŭlasta numero de la nuna jarkolekto de " Esperanto ".**

**Certigu al vi la liveradon por 1936 per tuja realiĝo al UEA !**

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936
8.-15. (5.-18.) AŬGUSTO.





XII-A SOMERA UNIVERSITATO
„KULTURAJ KAJ EKONOMIAJ PROBLEMOJ DE MEZ-EŬROPO"
INTERN. KONFERENCO DE VIRINOJ
VOJAĜO „TRA AŬSTRIO"
SALZBURG - WIEN - SEMMERING - GROSSGLOCKNER - SALZBURG
ĈARMAJ URBOJ - NEĜKOVRITAJ MONTOJ - BLUAJ ALPOLAGOJ - DANUBO
FESTARANĜOJ
KOSTUMBALO: „LA KONGRESO DANCAS"
OPERETO: „LA BLANKA ĈEVALETO"
KONGRESEJO: LA FESTSALONEGOJ DE IMPERIESTRA KASTELO „HOFBURG"
ADRESO: ESPERANTO-KONGRESO-WIEN-NEUE BURG.

VIENO 1936

# 28-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO VIENO 8-15 AŬGUSTO 1936

## VIENO, LA KONGRESURBO

LA AŬSTRIA REGISTARO INVITAS AL ĈI TIU KONGRESO OFICIALE !

La unuan fojon okazis, ke tuta Registaro invitas oficiale nian Universalan Kongreson. Dum la belega Dudeksesa en Stokholmo la ambasadoro de Aŭstrio S-ro Barono Sommaruga, nome de sia registaro invitis en Esperanto la Kongreson por 1936 al Vieno kaj Aŭstrio. ... Ankaŭ en Romo, dum nia brila Dudeksepa la aferŝargito de Aŭstrio en Romo S-ro Adrian Rotter je ordono de la Registaro ripetis la inviton kaj kore jam nun bonvenigis la ĉeestantojn kiel venontjarajn gastojn an Aŭstrio.

La Kanceliero de Aŭstrio D-ro KURT VON SCHUSCHNIGG transprenis la prezidantecon en la *Honora Komitato*. En ĝin eniris la ministroj kaj kelkaj aliaj eminentuloj.

*Honora Komitato:*

*Prezido:* Federacia Kanceliero D-RO KURT VON SCHUSCHNIGG.

*Membroj:* Ministro por Eksteraj Aferoj BARONO BERGER-WALDENEGG; Ministro por Komerco kaj Trafiko FRITZ STOCKINGER; Ministro por Internaj Aferoj EDUARD VON BAAR-BAARENFELS; Ministro kaj ekskanceliero D-RO KARL BURESCH; Ŝtatsekretario por Instruado D-RO HANS PERNTER; Ŝtatsekretario por Landa Defendo, Generalo de Infanterio WILHELM ZEHNER; Urbestro de Wien, eks-vic-kanceliero RICHARD SCHMITZ; Landestro de Karintio, marŝal-leŭtenanto BARONO HULGERTH; Landestro de Malsupra Aŭstrio, eksministro JOSEF REITHER; Landestro de Salcburgo D-RO REHRL; Landestro de Stirio D-RO KARL MARIA STEPAN; Prezidanto de Federacia Kulturkonsilantaro UNIV. PROF. D-RO J. BICK, ĝenerala direktoro de Nacia Biblioteko ; Prezidanto de la Federacia Konsilantaro de Ekonomio EICHINGER; Rektoro de Altlernejo por Mondkomerco PROF. F. DORFEL; PRINCINO FANNY STARHEMBERG, delegitino ĉe Ligo de Nacioj.

La *Protektoraton* transprenos post Novjaro la Federacia Prezidanto de nia Respubliko Aŭstrio.

Sed *ne nur morale* la registaro subtenas la Mondfeston de la Esperantistaro, sed *ankaŭ mone:*

Nia amiko *Ministro Stockinger* disponigis por la Kongresaranĝoj la belegajn salonegojn en la iama imperiestra kastelo (Hofburg) kie okazis la grandiozaj festoj de la imperiestra Kortego.

La sama Ministro disponigis sumon da 5.000 ŝilingoj por niaj prepar-laboroj kaj lia Ministerio subtenas niajn laborojn grandstile. Ni menciu en tiu rilato la nomojn de Ministeria Direktoro kaj Sekcia ĉefo ALFRED FUCHS kaj de l'ministeria konsilisto inĝ. ERWIN DEINLEIN de la sama ministerio, plue D-RO FRANZ STRAFELLA, prezidanton de l'Propaganda « Oficejo de l'Ministerio por Komerco kaj Trafiko » kaj prez. de « Aŭstria Trafik-Oficejo ».

Urbestro de Vieno, eks-vickanceliero RICHARD SCHMITZ disponigis 2.500 ŝilingojn.

Jen la provizora programo :

<u>*Provizora Programo:*</u>

(Litero « T » signifas vojaĝon « Tra Aŭstrio », aparte pagota ; la aliaj aranĝoj estas senpagaj por la kongresanoj)

*Sabato*, 8 *aŭgusto* 1936 :

17 h. Prepara kunsido de la Komitato de UEA kun LKK

T 18 h. 30. Vespermanĝo.

20 h. *Solena Malfermo* de la Kongreso en ĉiuj Fest-salonegoj de l'Imperiestra Kastelo en ĉeesto de la Protektanto de la membroj de l'Honora Komitato kaj de granda publiko de eminentuloj. Dissendado per Radio.

22 h. 30. Interkonatiĝa Vespero en la sama loko.

*Dimanĉo*, 9 *aŭgusto* 1936:

8 h. 30. Katolika Diservo kun Esperanto-prediko en la fama preĝejo de Sa. Karlo.

10 h. Protestanta Diverso kun Esperanto-prediko.

10 h. Izraelida Diservo kun Esperanto-prediko.

10 h. Kunsido de la Komitato de UEA.

T 12 h. Tagmanĝo.

T 13 h. 30. *Ekskurso D:* per aŭtobusoj al iama imperiestra plezurkastelo Schönbrunn, vizito de la salonegaro aŭ de la bestĝardeno, la plej malnova en Eŭropo, poste de la belega parko kun ruino, statuoj kaj elrigardejoj.

T 17 h. 30. reveturo al la urbo

aŭ *Ekskurso E:*

T 13 h. 30 per aŭtobusoj al Klosterneuburg, urbo proksima al Vieno, vizito de la fama barokstila abatejo, poste de la bordbanejo ĉe Danubo, reveturo al la urbo.

T Vespermanĝo antaŭ la teatro.

Pro la granda nombro de la kongresanoj po kvarono partoprenos en *D* aŭ *E*, la aliaj du kvaronoj en *F:*

T 13 h. 30. *Ekskurso F* per aŭtobusoj al Kahlenberg, monteto kun bela panoramo al Vieno kaj la Danubo-valo; restado, trinkado de kafo; daŭrigo de la veturado al surmonta kastelo Kobenzl kun bela panoramo al la alia parto de kaj de tie al Grinzing, fame konata pro sia bona vino. Ĉi tie en grandaj ĝardenoj vi aŭskultos muzikon, popolkantojn, vespermanĝos kaj trinkos bonan vinon. Al alkohol-kontraŭuloj ni rekomendas partopreni dimanĉe en D kaj lunde en E anstataŭ F. Vino aparte pagota!

T Reveturo al la urbo je meznokto per aŭtobusoj.

20 h. Prezentado en Volksoper de la opereto « *La blanka ĉevaleto* », muziko de Ralph Benatzky, teksto de Hans Müller, kantoj Robert Tillberg, esperantigo de Nikolao Hovorka. (Por ekskursoj D kaj E.)

*Lundo*, 10 *aŭgusto* 1936:

9 h. *Malfermo de la Somera Universitato* sub la titolo « *Kulturaj kaj ekonomiaj problemoj de Mez-Eŭropo* » en Hofburg.

T 12 h. tagmanĝo.

T 13 h. 30 ekskursoj same D, E aŭ F kiel dimanĉe; partoprenos ĉe D aŭ E, kiuj dimanĉe estis ĉe F kaj en F, kiuj estis en D aŭ E.

*Mardo*, 11 *aŭgusto* 1936:

9 h. *Laborkunsido* en Festsalonego de Hofburg.

12 h. Akcepto en la urbdomo fare de la urbestro.

13 h. Fotografado antaŭ la urbdomo.

T 13 h. 30. Tagmanĝo.

15 h. Vizito aŭ al la ĉambraro imperiestra en Hofburg aŭ al la imperiestra trezorejo.

16 h. Kunsido de la Esperantista Akademio.

16 h. Komitato de UEA.

16 h. Fakaj kunsidoj, ĉiuj en aparta lernejo.

T 18 h. 30. Vespermanĝo.

T 20 h. *Ekskurso G:* Veturado per aparta ŝipo sur Danubo dum 3 horoj kun muziko, kanto kaj danco *aŭ*

T 20 h. *Ekskurso H:* Veturado en grupoj al fama amuzejo « Prater ».

*Merkredo*, 12 *aŭgusto* 1936:

9 h. *Somera-Universitato en Hofburg.*

10 h. Fakaj kunsidoj en lernejo.

12 h. 30. *Inaŭguro de Esperanto-Strato.*

T 14 h. Tagmanĝo.

T 16 h. *Ekskurso I.* Rondveturado tra la urbo per aŭtobusoj.

16 h. Komitato de UEA en lernejo.

16 h. Fakaj kunsidoj en lernejo.

T 19 h. Vespermanĝo.

20 h. « *Konferenco de la virinoj* » en Festsalonego de Hofburg.

*Jaŭdo*, 13 *aŭgusto* 1936:

*Tuttagaj ekskursoj (Turisma Servo).*

« K » per aŭtobuso al *Rax-alpo*, per kablo-fervojo al la supro, (2000 m alta), belega panoramo, reveturado per kablo-fervojo, daŭrigo de la aŭtobusa veturado al *Semmering* (1009 m; fama somer-restadejo, ludkazino, belega banejo, hotelaro, ekskursetoj), tagmanĝo en Südbahn-hotelo. Reveturado kaj vespermanĝo en Wiener-Neustadt, antikva urbo dumvoje, aŭ en la fama kuracloko Baden ĉe Vieno. Alveno en Vieno 22 h.

« L » Veturado per trajno de Vieno al Puchberg ĉe la bazo de *Schneeberg* (2000 m). Ne pli ol 250 personoj povas partopreni. De Puchberg per dentrada fervojo ĝis Hochschneeberg. Diservo en Elisabeth-kapelo, tagmanĝo en la hotelo sur la supro. Belega panoramo, ekskursetoj al montkabanoj ktp. Reveturo per dentrada fervojo al Puchberg, kie estos vespermanĝo. (V) Reveturo per fervojo al Vieno. Alveno 22 h.

« M » Per aŭtobusoj al urbo *Mödling*, oficiala akcepto, Beethoven-memoraĵoj; plue al *Heiligenkreuz*, ege interesa monaĥejo, 800-jara, vizito; daŭrigo al fama kuracloko *Baden*, oficiala akcepto, rigardo de Romana fonto, unike bela parko, sulfur-banejoj, tagmanĝo, koncerto, ekskurso al Helenental aŭ ludkazino (aparte pagota!) aŭ grandioza bordbanejo. V. Reveturo al Vieno, alveno 22 h.

« N » Per fervojo al abatejo *Melk* ĉe Danubo, sur alta roko reganta la valon Wachau (Vaĥaŭ). Rigardo de la abatejo; T; reveturo per ŝipo sur Danubo tra Wachau, alveno en Vieno 20 h. V. — Belega veturado preter ruinoj, kasteloj, urboj, ĉarmaj lokoj, certe same bela kiel Rejn-ekskurso.

« O » Veturado per aŭtobusoj al *Eisenstadt*, ĉef-urbo de la Aŭstria Ligolando Burgenland, kun la tombejo de fama komponisto Josef Haydn, plue al impona antikva kastelo *Forchtenstein*. T. Reveturo tra urbo *Wiener Neustadt*, vizito, V. Reveturo al Vieno, alveno 22 h.

*Vendredo*, 14 *aŭgusto* 1936:

9 h. *Somera Universitato en Hofburg.*

T 13 h. Tagmanĝo.

T 15 h. *Ekskurso I.* Rondveturado tra Vieno per aŭtobusoj.

15 h. Fakaj kunsidoj en lernejo.

15 h. Vizito de la imperiestra ĉambraro aŭ trezorejo de Hofburg.

T 18 h. 30. Vespermanĝo.

20 h. 30. *Kostumbalo sub la devizo « La Kongreso dancas » en ĉiuj festsalonegoj de Imperiestra Kastelo.* En la marmorsalonego ludos militista orkestro de « Deutschmeister » en siaj antaŭmilitaj uniformoj al dancado de valsoj kaj kontraŭdancoj; en Granda Festsalonego dua orkestro modernan dancmuzikon kaj en aparta salonego « Viena popolkantista kvarteto » ludos kaj kantistoj kantos al la muziko gajajn Vienajn kantojn por la nedancemaj samideanoj kaj por la jam lacaj.

*Sabato*, 15 *aŭgusto* 1936:

9 h. *Solena Fermo de la Kongreso* en Hofburg.

T 12 h. Tagmanĝo kaj 13 h. 30 Forveturo al Graz (Turisma Servo « Tra Aŭstrio »).

Vi vidas, ke *oni laboros ĉiun antaŭtagmezon, kelkajn posttagmezojn oni okazigos fakkunsidojn kaj je unu vespero Konferencon de Virinoj.* Jen sufiĉe ampleksa programo kaj ni esperas, ke la samideanoj uzos la okazon, por ĉeesti almenaŭ ĉiujn gravajn kunsidojn!




Vieno, ĉefurbo de Aŭstrio

La impona urbodomo

*Posttagmeze kaj vespere oni amuziĝos.* La proponitaj ekskursoj kaj amuzaĵoj kompreneble ne estas devigaj. Estas ebleco en Vieno viziti muzeojn, galeriojn ktp. Post la laborkunsidoj ĉiu havas sian plenan liberecon, fariĝi feliĉa laŭ sia bontrovo.

Kompreneble ni disponigos niajn servojn al kiu ajn, kiu mendos tiujn servojn.

*Jaŭdo* estas destinota por *grandaj ekskursoj*. Kiu ne deziras partopreni, povos resti en Vieno kaj fari sian propran « ekskurson de malkovro ».

*Granda turisma aranĝo* havas la celon, konatigi vin kun nia bela Aŭstrio. Nenie en la mondo vi trovos sur tia malgranda teritorio tiel belegan, multvarian pejzaĝon kiel dum nia vojaĝo « *Tra Aŭstrio* ». La vojaĝo komenciĝos antaŭ la Kongreso, la 5 aŭgusto, en Salcburgo. La unua parto finiĝos la 8 aŭgusto posttagmeze en Vieno, por ke vi ĝustatempe povu ĉeesti la Solenan Inaŭgurvesperon de nia 28-a Universala Kongreso. Post la Malferma Kunsido, la 15 aŭgusto la veturado estos daŭrigata kaj finos en Salcburgo la 18. de aŭgusto vespere. Sed tiuj samideanoj, kiuj venos el la orientaj, nord- kaj sudorientaj landoj povos partopreni en la aranĝoj post la Kongreso. Por ili la vojaĝo « Tra Aŭstrio » komenciĝos la 15 aŭgusto, posttagmeze, en Vieno kaj ili revenos al Vieno la 21 aŭgusto 1936.

Ne ĉiuj kongresanoj povos partopreni en ĉi tiu unika rondvojaĝo bedaŭrinde ĉar bonega propagando por Esperanto estas, se grandaro de belaj, komfortaj aŭtobusoj, ornamitaj per Esperanto-flagoj sur bonegaj ŝoseoj en longeco de proksimume 1100 km, estos vidataj de la loĝantaro de preskaŭ nia tuta lando..., ne ĉiuj povos je malmultekosta maniero ĝoji kaj ĝui la belaĵojn dumvoje, ĉar por la tuta nombro de partoprenontoj en Viena Kongreso ne estos je dispono sufiĉe da komfortaj aŭtobusoj pro la ĉefa vojaĝsezono dum aŭgusto. Necesas, ke ni mendu la veturilojn sufiĉe frue, por kontentigi ĉiujn dezirojn ! Jam en marto ni deziras mendi la plej grandan parton el ili ! Ankaŭ la noktigado estas sufiĉe malfacila afero speciale en Salcburgo, ĉar dum ĉi tiu tempo okazas tie la mondfamaj Festludoj... kaj ĉi-jare neniu loko estis ricevebla tie en la tempo de la Festludoj, se oni ne jam longan tempon antaŭe mendis ĉambron !

Do estos *rekomendinde*, ke vi *kiel eble plej baldaŭ aliĝu* al la Turisma Servo pagante 15% *kiel unuan pagon*. por certigi lokon al vi !

Krome la *unuaj aliĝintoj* ricevos *premion* en tiu formo, ke ili povos tranokti en *Franz Josefshaus* (2500 m alteco), la postaj en *Grossglocknerhaus* (2100 m), *Heiligenblut*, la plej alte situita vilaĝo kun preĝejo en Eŭropo, poste en *Hotelo Iselsberg*, poste en *urbeto Lienz* en Orient-Tirolo. *Unike bela spektaklo vin atendos...* la leviĝo de l'suno vidata en tia alteco !

La *pagoj por la ekskursoj* estas : 15% *je mendo* kaj la *resto en partpagoj ĝis plej malfrue la* 10 *junio* 1936. Ĉe *malmendo* de ekskursoj *ĝis* 1 *julio* 1936 vi rericevos la monon *malpli* 15% por la jam faritaj elspezoj ; sed, se la malmendinto nomigas anstataŭanton, ni *nur deprenos* 5%.

Kongreskotizoj :

| | | |
|---|---|---|
| I. | Kongresa kotizo ................ | v. Favorkotizoj |
| II. | Kotizo por familiano de kongresano.. | sv. Frk. 17.75 |
| III. | Kotizo por junuloj malpli ol 18 jaraj | sv. Frk. 12.— |
| IV. | Kotizo por Helpkongresanoj (Grupoj, Societoj, Institucioj, Firmoj, kiuj deziras montri sian simpation al la kongreso, por helpi ties sukceson kaj por ricevi ĉiujn kongresdokumentojn, sed ne sendos reprezentanton)............ | sv. Frk. 12.—.. |

*Favorkotizoj por frupagantoj :*

Frupagantoj de katerioj I-III rajtas depreni procentaĵon kiel premion por frua pago, sed la mono devas esti en niaj manoj ĝis la fiksitaj datoj :

| | Rabato | Kotizo I | Kotizo II | Kotizo III |
|---|---|---|---|---|
| | | Svisaj frankoj | | |
| ĝis la 31 januaro 1936 : | 30% .... | 20.— | 12.50 | 8.15 |
| ĝis la 30 aprilo 1936 : | 20% .... | 23.— | 18.25 | 9.50 |
| ĝis la 30 junio 1936 : | 10% .... | 25.50 | 16.— | 10.80 |

Por informo : 1 svisa franko valoras nuntempe (1.7.35) aŭstriajn ŝilingojn 1.70.

*Kion ricevos la kongresano por sia kotizo ?*

1. provizoran kongreskarton, poste definitivan
2. 25% rabaton sur la aŭstriaj fervojoj por la tuta vojo
3. grandan rabaton sur la ŝipoj de « Donau-Dampfschiffahrt », pagante por iro kaj reveno nur unu vojon
4. Rabaton sur la Ĉeĥoslovakaj kaj aliaj fervojoj
5. belan kongresinsignon
6. la kongresan gazeton « Aŭstria Esperantisto » (kun ĉiuj informoj kaj frazaro « Esperanta-germana » pri ĉiutagaj esprimoj), de *januaro ĝis aŭgusto* 1936 (Jam pro tio anoncu vin baldaŭ, ĉar povas okazi, ke la lastaj pro elĉerpiĝo de la provizo ne plu povos ricevi ĉiujn numerojn), la jam nun aliĝantaj, de oktobro 1935
7. eniron al « *Solena Malfermo* »
8. eniron al « *Interkonaliĝa Vespero* »
9. eniron al *ĉiuj labor-kaj fakaj kunsidoj*
10. eniron al la prelegoj en « *Somera Universitato* »
11. eniron al la granda « *Intern. Konferenco de la Virinoj* »
12. eniron al la « *Akcepto ĉe la urbestro* »
13. eniron al la solena « *Fermo de la kongreso* »
14. eniron al la granda *Balfesto en Hofburg*
15. ĉeeston al la « *Inaŭguro de Esperanto-Strato* »
16. bileton por sidloko al la teatraĵo « La Blanka Ĉevaleto »; la *unuaj* membroj ricevos la *plej bonajn sidlokojn*, la pli malfrue sin anoncintoj la aliajn laŭ la kongresnumero
17. eniron al la *Ĉambraro en Hofburg*
18. eniron al la *Imperiestra Trezorejo*, laika kaj eklezia
19. belan *kongreslibron* kun la tuta programo kaj adresaro de la kongresanoj
20. la *oficialan kongreslibron*, kun la raporto de UEA
21. gvidlibron « *Tra Aŭstrio, ambaŭflanke de la aŭtomobilstrato* » kun multaj bildoj, almenaŭ 80-paĝan.

*Familianoj ricevos* 1-4, 6-17.

## « *Tra Aŭstrio* »

***La decembra numero de « Esperanto » enhavos la kompletan programon de la turisma aranĝo « Tra Aŭstrio » kun preciza tarifo, same la prezojn de la ekskursoj.***

*La punktoj en la provizora programo, indikitaj per « T » estas enhavitaj en la turisma aranĝo.*

Sed vi povos ankaŭ viziti Aŭstrion kaj *ne partopreni* en nia vojaĝo « Tra Aŭstrio » per aŭtobuso, por kiu vojaĝo la kongresanoj ricevos ankaŭ apartan gvidlibron. Vi povos uzi la *Aŭstrian Fervojaron* aŭ la *ŝipojn* de Danuba ŝipkompanio (Donaudampfschiffahrtsgesellschaft).

La ĝenerala direkcio de la Aŭstria Fervojaro donas 25% *rabaton* por la unuopaj kongresanoj.

La *Fervoja ministerio en Prago* donas al la kongresanoj same 25% *rabaton* por la vojo al la kongreso kaj ankaŭ returnen. Pri la detaloj ni informos vin ankoraŭ kaj s-ano Bloch en Prago, kiu helpis aranĝi ĉi tiun aferon, poste helpos al vi.

Ni same klopodas ankaŭ atingi fervojrabaton en aliaj landoj.

*Aŭstria Ŝipkompanio* donas al vi kontraŭ nura pago de la veturprezo *laŭflua* la biletojn en *ambaŭ direktoj*. Do vi *ŝparos* la monon por *unu vojo*.

*Avantaĝoj por diversaj landoj:* La Bulgara Ministerio por Financoj promesis ebligi al 200 Bulgaroj la partoprenon en la kongreso, disponigante al ili po 5.000 Levoj en ŝilingoj.— Ni klopodas jam pri diversaj aferoj en aliaj landoj por plimalkarigi al niaj kongresanoj la partoprenon en la 28-a.

*Radio:* Disaŭdigoj dufoje monate je la 22 h. 40, nome ĉiun 2. kaj 4. jaŭdon en la monato. — Krome je la fino de la Esperanto-Radio-Kurso el Vieno, ĉiun merkredon 18 h. 35-19 h. ni informos pri novaĵoj en la preparoj al la kongreso.

*Aliĝis* jam 193 personoj el 19 landoj.

*Polico:* Por servi al la kongresanoj, la Policprezidanto en Vieno instalis en la Polica Taĉmenta Lernejo tri Esp.-kursojn.

*Poŝto:* Por la sama celo ankaŭ la Ĝeneraldirekcio de Poŝtoj kaj Telegrafoj instalas nun kursojn en Vieno kaj la ĉefurboj de Aŭstrio.

*Esperanto-Strato:* Dum la Kongreso oni inaŭguros Esperanto-straton en Vieno. Dankon ni ŝuldas al la urbestro de Vieno S-ro Richard Schmitz, (antaŭe Aŭstria vickanceliero).

*Klagenfurt:* Ankaŭ en tiu urbo la urbestro komerca konsilisto Wolf promesis inaŭguron de Esperanto-strato okaze de ĉeesto de la esperantistoj en Klagenfurt dum « Tra Aŭstrio ».

*Donacoj al la Kongreskaso:* Ni kore dankas al la samideanoj, kiuj bonvolis fari donacojn al la kongresa kaso, ĉiam plezure akceptataj.

*Blindula Kaso:* La LKK danke akceptos donacojn por ĉi tiu kaso, destinita ekskluzive por la aranĝoj koncerne la blindulojn.

*Gazetservo:* Multaj E.-gazetoj jam raportis pri la Dudekoka. Ni petas, ke ili daŭrigu sian helpon kaj sendu po unu ekzempleron al LKK. — Sed ankaŭ en la nacia gazetaro jam aperis aro da grandaj artikoloj. Ni kore dankas al niaj helpemaj amikoj, kiuj sukcesis publikigi la artikolojn. Sed en ĉiu loko la grupoj kaj samideanoj klopodu, ke la gazetoj raportu pri la kongreso ankaŭ en mallongaj artikoloj. Sendu afable al ni la koncernajn gazetojn por nia kolekto. Jam nun koran dankon ! Vi multe helpos per tio, atentigante ne nur la samideanojn sed ankaŭ la grandan publikon pri la Kongreso kaj pri nia Esperanto-Movado.

*Kongreskartoj* estos pretaj je fino de novembro kaj dissendotaj al la jam pagintoj.

*Kongresafiŝoj:* Estas haveblaj po 2 por 1 poŝta respondkupono. La verkisto de la afiŝo estas s-ano inĝ. Hugo Steiner.

*Propaganda Numero*, aperinta en 6.500 numeroj, preskaŭ elĉerpiĝis.

*Glumarkoj:* 100 en 5 koloroj por 2 poŝtaj resp. kup. Aliĝu baldaŭ ! Vi per tio plifaciligos al ni la laboron kaj ŝparos al vi monon. Samtempe vi havigos al vi avantaĝojn.

*Karavanoj:*

Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, London WC 1 ; Bulgara Esperantista Asocio, Poŝtenska kut 233, Sofia ; Esperanto-Asocio de Estonio, Postkast 6, Tallinn ; Franca Societo por la Propagando de Esperanto, 59 rue

de Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine); Heroldo de Esperanto, Voorhaven 43, Rotterdam-W.; Jugoslavia Esperanto-Ligo, Primorska 11, Zagreb; Nederlanda Societo « La Estonto Estas Nia », S-ro P. H. Mooij, Tennisbloemlaan 19, Den Haag; Pollanda Esperanto-Delegitaro, Lubicz 34, Krakow; Esperanto Turisma Komisiono, E. Malmgren, Heleneborgsgatan 6-C, Stockholm; Svisa Esperanto-Instituto, D-ro E. Spielmann, Gesellschaftsstrasse 39, Bern; Aliaj karavanoj estas aranĝotaj,

**LKK de la 28-a Universala Kongreso de Esperanto :**

Kortega Konsilisto Hugo Steiner, prezidanto kaj afergvidanto

Sekcia ĉefo D-ro Franz Uebelhör, vicprezidanto

Advokato D-ro Alfred Engländer, kasisto

Konsilanto D-ro Franz Josef Zehden, gazetara ĉefo en la Ministerio por Komerco kaj Trafiko, fakestro gazetara;

D-ro Emil Pfeffer, sekretario;

Eldonisto, Redaktoro Barono Nikolao Hovorka, Komitatano;

Ernst Werner, komitatano.

## Bibliografia Servo de UEA

*Henry Drummond*, trad. Arth. J. Maling. Kvin Paroladoj. Eldonis F-ino F. H. Hanbury, 132 Slewins Lane, Hornchurch, Romford, Britujo. 85 paĝoj. Formato 13,5×21 cm. Prezo 2 ŝ. plus afranko 2 p. (1935-65).

*Prof. G. Waringhien* : Facilaj esperantaj Legaĵoj. Eldonis Centra Librejo, 11, rue de Sèvres, Paris 6e. 94 paĝoj. Formato 11,5 × 17 cm. Prezo fr. fr. 5.—. (1935-66).

*K. Kalocsay-G. Waringhien* : Plena Gramatiko de Esperanto. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 370 paĝoj. Formato 15,5 × 23,5 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 8.—, bind. (simpla) sv. frk. 9.50, ledumita bindo sv. frk. 10.50, plus afranko 10%. (1935-67).

***. Adresaro de Japanaj Esperantistoj. Havebla ĉe : Oomoto Internacia, Kioto-hu, Kameoka (Japanujo). 200 paĝoj. Formato 11 × 15 cm. Prezo 3 intern. respondkuponoj. (1935-68).

*Prof. Mieczyslaw Sygnarski* : Lecionoj de Mondlingvo « Esperanto », Dua eldono. Eldonis « Scienca Esperanta Rondo : Bydgoszcz. 107 paĝoj. Formato 14,5 × 21,5 cm. Prezo ne indikita. (1935-69).

*G. N. Tupicin* : Russko-Esperantskij Slovar. Eldonis G. N. Tupicin Kuldigas iéla 18. a dz 4. Riga. 190 paĝoj. Formato 10 × 13,5 cm. Prezo 1.50 Lat. (1935-70).

*Edmond Privat* : Interpopola Konduto. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 154 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 3.—, tolbind. sv. frk. 4.50, falsa led. bind. sv. frk. 5.— plus afranko 10%. (1932-71).

*Jerome K. Jerome* : Tri Homoj en Boato. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 256 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 4.—, bind. sv. frk. 5.70 plus afranko 10%. (1935-72).

*A. Tellini* : Gramàtiche, Vocabulari ed Eserciçis di Lenghe Internaçionàl Esperanto pa-i Ladins Furlans. Eldonis A. Paolet, Editore, S. Vito al Tagliamento (Italujo), 31 paĝoj. Formato 11,5 × 16 cm. Prezo L 6.—. (1935-73).

## GRAVA INTERNACIA ENKETO

La Franca Metiista Asocio, kiu ĵus voĉdonis deziresprimon pri enkonduko de Esperanto en la metiistajn lernejojn deziras verki raporton pri metiistaro. Ni do petas, ke la interesataj gesamideanoj de la tuta mondo bonvolu sendi detalojn pri ge-metiistoj : vivkondiĉoj, lernmetioj, progreso aŭ malprogreso de manlaboro helpata de maŝinoj. Tiujn detalojn sendu al la ĝenerala sekretario de la Franca Metiista Asocio, S-ro Pierre Chanas, 23, rue Saint-Nicolas, Romans (Drôme) Francujo.

## FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La urbestraro de Tapa en Estonio decidis nomi « Esperanto-strato » straton ĉe la stacidomo.

— La semajna gazeto « Haagsche Post », unu el la plej gravaj gazetoj en Nederlando, malfermis regulan Esperanto-rubrikon en siaj kolonoj.

— La Franca Metiista Asocio ĵus voĉdonis dezir-esprimon pri enkonduko de Esperanto en la metiistajn lernejojn.

— La Industria kaj Komerca Ĉambro de Bukaresto ĵus aperigis 150-paĝan Adreslibron de la komercaj reprezentantoj en Bukaresto kun kompleta varolisto en rumana, franca, germana, angla kaj esperanta lingvoj. Ankaŭ la plurlingva antaŭparolo estas presita en Esperanto.

— La radio-stacio de Tallinn (Estonio) kiu ĉiun trian dimanĉon de la monato disaŭdigas duonhoron en Esperanto, anoncas apartan esperanto-programon por la 15 decembro kun paroladoj kaj popol-kantoj.

— La 15a Internacia Kongreso pri Industria Kemio en Bruselo je la 24 septembro 1935 akceptis rezolucion favore al la praktika aplikado de Esperanto kaj starigo de rilata komisiono por la efektivigo.

— La brazila Departemento de Poŝto kaj Telegrafo okaze de la 8a Internacia Specimena Foiro en Rio de Janeiro eldonis en novembro 1935 specialan poŝtmarkon je 200 rejsoj kun teksto en portugala lingvo kaj en Esperanto.

## LINGVA PRAKTIKO

### Pri la " Sesa Aldono "

En la Aprila numero de « Esperanto » aperis sub la rubriko « Lingva Praktiko » artikolo, kies aŭtoro volas kredigi siajn legantojn, ke la listo proponita por la Sesa Aldono konsistas el novaj vortoj, kies oficialigo alportus al nia lingvo grandan danĝeron. Efektive la listo ne enhavas eĉ unu novan vorton; ĝi konsistas ekskluzive el vortoj uzitaj de Zamenhof, kiu mortis en la jaro 1917. La atakoj sekve iras ne kontraŭ la Akademia sekcio por la komuna vortaro, sed kontraŭ la aŭtoro de la lingvo !

Ho, kiel novaj estas la proponitaj radikoj ! Tri el ili aperis en la jaro 1888, sekve ili havas la aĝon de ne pli ol 47 jaroj ! Kaj post la paso de 47 jaroj *unu* el tiuj tri vortoj ricevis de la Lingva Komitato oficialan aprobon. Efektive « tro rapida oficialigo, ĉu ne vere ?

Ĉiujn 25 vortojn Zamenhof uzis en la praktiko, kaj 17 el ili havas lokon en liaj vortaroj; sed kian gravecon havas lia aŭtoritateco, kiam ĝi venas en konflikton kun niaj personaj preferoj ?

La supozita danĝero tiel longe minacis nian lingvon sen malbona rezultato, ke ni povas forgesi la minacon kaj, kiel antaŭe, « iri trankvile nian vojon ».

Eraroj en la difino de *honorario* faras el tiu difino sensencaĵon Jen la ĝusta teksto : « Neperioda pago pro servo, plej ofte de persono, kiu praktikas liberalan (ne *liberan*) profesion, ekz. advokato, kuracisto ». En la difino de *susuri* mankas la vorto *aŭaso*.

William Bailey.
Direktoro de la sekcio por la komuna vortaro.

La supraj linioj estis adresitaj al ni jam en fino de majo. Ili estis objekto de redakcia korespondo kun la aŭtoro. Ĉar dume la Lingva Komitato oficialigis la 6-an Aldonon, ni pro disciplino pure organiza ne plu intencis publikigi ilin. Ĉar S-ro William Bailey insistas pri tio, ni nun faras la publikigon. Sed ni estas devigitaj aldoni la jenajn rimarkojn : Spite al la faktoj cititaj de la Direktoro de la Akademia sekcio por la komuna vortaro ni restas ĉe nia konsento al la averto de S-roj Fischer kaj D-ro Orengo pri la granda danĝero al nia lingvo, montrita de ili. La dume farita oficialigo de la vortoj en la 6-a Aldono kaŭzis viglajn kritikojn ĉe aro da aparte kompetentaj L-K-anoj, ili juĝas prave la proceđon tute kontraŭa al la principoj de D-ro Zamenhof mem pri la plua evoluo de Esperanto. Ni cetere ne nur aliĝis al la averto sed rekomendis pluan esploron laŭ serioza maniero, aldonante samtempe nian opinion pri iuj vortoj. Kiom ni estis pravaj en tio, montras la sekvoj de la oficialigo kaj la mallaŭdindaj mankoj kaj eraroj en la publikigitaj difinoj.

R. Kr.

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Grava delikto

Juĝisto : Krom tio vi estas kulpigita pri subaĉeto de ŝtata funkciulo.

Akuzito : Mi tute ne memoras pri tio.

Juĝisto : Certe, vi proponis kolbason al la polica hundo, kiu serĉ-esploris en via loĝejo.

### Modernaj nomadoj

Instruisto : Homojn, kiuj regule migradas de unu urbo al la alia, kiuj neniam eltenas je unu loko, oni nomas nomadoj. Ĉu iu povas citi al mi ekzemplon ?

Friĉjo : Nia servistino, sinjoro instruisto.

### Senĝeneco

*Kreditoro al ŝuldanto :* Vidu, sinjoro, mi venas jam dum 5 semajnoj ĉiujaŭde, vane, por enkasigi la fakturon. Mi ja ne povas veni ĉiutage por memorigi vin pri la reguligo !

*Ŝuldanto :* Ne ĝenu vin ĉiutage pri tiu ĉi afero, daŭrigu nur simple, reveni ĉiujaŭde.

### La ĉiama teknikisto

*Paŭlo* (lamentante) : Paĉjo, paĉjo, helpu, ho, polvero flugis en mian okulon !

*Patro* (trankvile al la servistino) : Marinjo, bonvolu rapide serĉi la polvsorb-aparaton.

### Fatala intermikso

S-ro Rev. Brown, pastro, Ĉikago-avenuo 12, 1-a etaĝo, en Bostono, bedaŭrata de ĉiuj, forlasis nian mondon por eniri la ĉielon. La vidvino restis sola.

S-ro Brown, komerca agento, kiu loĝas en la 3-a etaĝo de la sama domo, je la tago de l'morto, adiaŭante la familion, forvojaĝis de Bostono al Kalifornio.

Post 3 tagoj la vidvino ricevis la sekvantan telegramon : « Bone alvenis, terure varmas ».

La vidvino svenis.

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *c.r :* certe respondos. | *k.ĉ.l. :* kun ĉiuj landoj. | *PI :* poŝtkarto ilustrita. |
| *dez. :* deziras. | *kor. :* korespondi. | *PK :* poŝtkarto. |
| *f-ino :* fraŭlino. | *L. :* Letero. | *PM :* poŝtmarko. |
| *gaz. :* gazeto. | *p.ĉ.t. :* pri ĉiu temo. | *s-ino :* sinjorino. |
| *intŝ. :* interŝanĝo. | | *s-ro :* sinjoro. |

*Amsterdam C.* (Nederlando). S-ino M. A. Bakker-Smith, Instruistino, Rokin 57, serĉas por siaj 9-jaraj lernantoj, komencantoj en la lingvo, korespondantojn prefere samaĝajn, ne el landoj de franca germana kaj angla lingvoj.

La sekcio Amsterdam de « La Estonto Estas Nia » okazigos letervesperon la 7-an de Januaro 1936a. Sendu leterojn, poŝtkartojn, ktp. Respondo garantiata.
Adreso : S-ro W. Wenting, Saxenburgerstraat 8 hs. Amsterdam-W.

*Berchem-Antwerpen* (Belgujo). S-ro Ad. Houben, Kemmelbergstr. 3 intŝ. PM ĉiuj valoroj.

*Ceska Skalice* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Odon Horák dez. intŝ. PM 100 kontraŭ 100 aŭ laŭ mankolisto Yvert kun Eŭropo, sed preferas Italujon, Aŭstrion, Jugoslavion, Rumanujon, Bulgarujon, Liĥtenŝtejnon.

*Skara* (Svedujo). S-ro Lars Nottberg, Järnvägen, PI kaj L. Ĉiam respondos.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 1027-12-35.